‚Mutig vorwärts!‘ ‚Kuraĝe antaŭen‘

# Aŭstria Esperantisto

(Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Int. Esperanto-Muzeo kaj Aŭstria Esperanto-Asocio

10a jaro. N-ro 3 Monata Marto 1933

Redaktejo kaj Administrejo: Wien, I., Neue Burg (Tel. R 27-803).

Konto bei der Postsparkasse D-123.826

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ Ŝ 3.90, germanlandanoj RM 2.75 alilandanoj sv. fr. 3.50; ponumere: por enlandanoj 35 aŭ. g., eksterl. 45 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

## Aus aller Welt.

### Radiovorträge Wien-Kopenhagen.

Am 27. III. um 18 h 20 spricht Rechn. Rat Rudolf Michael Frey von Radio-Wien über Dänemark in deutscher Sprache, wobei er besonders die Hilfe, die ihm bei seiner vor 3 Jahren stattgehabten Reise durch die nordischen Staaten die Esperanto-Organisationen angedeihen ließen, unterstreichen wird. Der Vortrag wird offiziell eingeleitet durch den Konsul der kgl. Dänischen Gesandtschaft in Wien, Broch. Zum Schlusse wird der dänische Kammersänger, auch Mitglied der Wiener und Berliner Oper, Helge Roswaenge, dänische Lieder singen.

Am 4. IV. um 20 h findet als Austausch von Radio-Kopenhagen ein „Oesterreichischer Abend“ statt mit einleitenden Worten des österr. Generalkonsuls in Kopenhagen Friedrich Böhm, Vortrag über Oesterreich und österr. Musik.

Diese Vorträge sind den Bemühungen des s-ano Frey zu danken.

### Interview mit Prof. Piccard.

Anläßlich eines Vortrages Prof. Piccards im Aero-Club in Paris anfangs Februar interviewte ihn der Direktor der französischen Esperanto-Zeitung Emile Houbart: „. . Herr Professor sind vielleicht der einzige Mensch in der Welt, den die Frage Esperanto betreffend nicht interessieren kann, weil Sie gewohnt sind, in Höhen zu reisen, wo man keine Sprachkenntnisse benötigt, da dort keine Menschen leben.“ Prof. Piccard erwiderte wohlgelaunt: „Aber es könnte sich schließlich ereignen, daß ich einen Planeten erreiche, auf dem Esperanto gesprochen wird.“ „Sie haben recht, Herr Professor, aber könnten Sie in diesem Falle in Esperanto antworten?“ „O weh, durchaus nicht. Aber ernstlich, ich bin der Ueberzeugung, daß auf wissenschaftlichem Gebiete Esperanto große Dienste leisten kann dank der raschen Verständigungsmöglichkeit der Wissenschaftler in der ganzen Welt und der leichten Erklärung der Dokumente der verschiedenen Nationen.“

### Zamenhof-Platz und -Straße.

In **Bergenopzoom** (Niederlande) wurde ein Platz im neuen Viertel nach Dr. Zamenhof benannt. Die Esperanto-Gruppen wollen am 27. Mai daselbst ein Zamenhof-Denkmal errichten. Spenden hiefür können an A. Jordans, Arnasselbergstr. gesandt werden.

In **Mühlhausen**, Frankreich, wurde eine Straße nach Zamenhof benannt „Rue Dr. L. L. Zamenhof“. Die Straßentafeln zeigen auch jene Bemerkung „1859—1917, Créateur de la langue internationale Esperanto“.

**Polen.** Alle Radiostationen Polens mit Ausnahme von Kattowitz senden von nun an zweimal monatlich in Esperanto. Hoffentlich wird sich die Station Kattowitz dem guten Beispiele der anderen anschließen!

Die **Budapester, Leipziger, Lyoner und Pariser Messe** haben neuerdings Werbeschriften in Esperanto versandt.

Dem **Sozialdemokratischen Parteitag in Frankfurt a. M.** (26. März) sind folgende Anträge gestellt worden:

Der Parteitag empfiehlt:

a) allen Mitgliedern, für Verbreitung der Welthilfssprache Esperanto zu wirken,

b) allen Ortsgruppen, für ihre Mitglieder und deren Angehörige Esperanto-Kurse abzuhalten,

c) allen Redakteuren der Parteizeitungen, Artikel über Esp. aufzunehmen,

d) allen Abgeordneten des Reichstages, der Länder-, Städte- und Gemeindeparlamente, der Einführung des Esp. in den Schulen als Pflichtfach die Wege zu ebnen und die Initiative zu ergreifen,

e) bei der Internationale dahingehend zu arbeiten, daß durch Förderung des Esp. bei allen angeschlossenen Länderorganisationen die äußerst wichtige Lösung der Sprachenfrage gefördert wird. (Aus „La Socialisto“)

## Ĉefepiskopo d-ro Innitzer — Kardinalo.

Sankta Patro honorigis la ĉefepiskopon de Wien d-ro Innitzer per distingo de kardinala pupuro.

Elkore gratulas la estraro kaj membraro tutmonda de la Muzeo al sia Honora Membro, kaj Universala Federacio Esperantista en Genève, Aŭstria E-Asocio, Viena Esp.-Unio kaj Katolika Unuiĝo Esperantista al la eminenta favoranto de Esperanto.

Steiner

———

Senatoro d-ro fil., d-ro inĝ. h. k.

**Hermann Strunk**, Danzig,

membro de Int. Honora Komitato mortis la 7. februaro.

La Danzig-a E-Asocio multe dankas al la mortinto.

Li ripozu en paco. Ni memoros lin!

Steiner

———

## Villem Vaher,

membro de Int. Kuratora Komitato de Int. E-Muzeo fariĝis 60-jara. Li estas la plej malnova pioniro de la Estona E-movado, prez. de E-Asocio kaj de E-Instituto de Estonio kaj eldonis antaŭ 40 jaroj la unuan E-lernolibron por estonoj. Nian sinceran gratulon.

IEMW

———

## La ĉefurbestro de Budapest favore akceptas intervenon de ICK.

La XXI-a honorigis la urbon Budapest per donaco de marmortabulo je la memoro al Grafo Stefan Szecheny, „la plej granda hungaro", kiu pledis por kompilado de internacia lingvo en la Hungara Scienca Akademio jam la 27. nov. 1842. La inaŭguro okazis en la kongresejo „Reduto" kaj laŭ interkonsento estu fiksota poste je publika loko.

Tio ne okazis malgraŭ plurfoja klopodado de niaj hungaraj amikoj. Fine s-ano Balkanyi petis ICK pro interveno. ICK sin turnis letere en Esperanto al la oficejo de la ĉefurbestro kaj ne ricevinte respondon post deca tempo, al la ĉefurbestro mem. Al tiu letero la ĉefurbestra oficejo jus respondis per jena letero en Esperanto, kiun ni donas ekstrakte:

ICK, Genève.

Al via afabla demando de 11. nov. 1932 mi havas la honoron sciigi al vi, ke la Ĉefurbo Budapest respektas en plena mezuro la honoron, per kiu la publiko de la E-Mondkongreso en 1929 eternigis la memoron de sia vizito per memortabulo, kaj kun ĝojo zorgas pri ties lokigo en la plej proksima tempo.

. . . ni elektis kiel plej indan lokon la internon de Redut-palaco, ĉar sur la ekstera fronto ne estas je dispono konforma murparto . . . En komisio de la urbestro:

Kovácshazy Vilmos, konsilanto.

Budapest, 13. febr. 1933.

Ni ĝoju pri la sukceso dank' al la influo kaj persisto de ICK. Sed ni estu dankaj al la urbestro, kiu montris sian favorigon de Esp. per respondo al ICK en Esperanto.

(Laŭ Heroldo)

———

## „El Originala Verkaro"
### de d-ro Johann Dietterle.

Du anoncoj, kiuj aperis en „The British Esperantist", la unua en 1915, la dua en 1917, kelkatempe antaŭ la morto de Zamenhof:

„Pro kelkaj cirkonstancoj (kiuj havas karakteron pure personan kaj neniom koncernas la sorton de nia lingvo) mi deziras vendi por ĉiam la aŭtorajn rajtojn pri ĉiuj miaj verkoj (kompreneble nur en tiu grado, en kiu ili estas mia propraĵo). Kiu deziras aĉeti, volu sin turni al mi."

Julio 15. 1915.

L. L. Zamenhof
Varsovio, str. Krolewska No. 41.

„Mi deziras komenci sisteman tradukadon de diversaj plej famaj verkoj el la tutmonda literaturo. Sed bedaŭrinde mia financa situacio ne permesas al mi entrepreni tian laboron proprarimede; tial mi serĉas ian bonhavan eldoniston, kiu volus preni sur sin tiun entreprenon. Kiu havas la intencon preni sur sin tiun aferon, volu min sciigi, en kia formo kaj sub kiaj kondiĉoj li deziras tion fari."

### Ĉeĥoslovakio.

Ilustrita gvidlibro. Teksto de Ph. Dr. J. Belohlav, esp.-igita de Fr Slavik.

La Ministerio de Fervojoj eldonis novan, belegan propagandilon, kiu multe varbos por la lando inter la esperantistaro.

En kovraĵo kun bildo de Wilson-stacio en Praha kaj fervoj-karto de la tuta lando troviĝas 10 kvar-partaj varbiloj. Sur ĉiu priskribo de alia fervojlinio kaj kun po 14 vidaĵoj de la koncerna regiono, grafika prezento de la fervojlinio kaj priskribo de ĝi en Esperanto.

Gratulindaj la Ministerio pro ĝia komprenemo de la graveco de E en la internacia trafiko kaj la ĉeĥaj s-anoj, kiuj per ĉi tiu belega varbilo konatigas sian landon al la alilandaj s-anoj.

---

La direktoro de ICK estis malsana, sed jam resaniĝis. Li petas pardonon, se iuj aferoj malfruiĝis pro tio.

## Int. Esperanto Muzeo en Wien

Wien, I. Neue Burg, Heldenplatz.
Telefono n-ro R 27-803

**Malfermata** labortage 9—12, 15—18 h; sabate 9—12 h.

**Novaj membroj:**

**Internacia Kuratora Komitato:**

**Palestino:**

Lachowitzky P., arkitekto, Jerusalem.

**Dumvivaj membroj** (Aŭstrio S 15.— ev. en 3 partpagoj), por alilandanoj svis. fr. 12.50; ili enpagu la egalvaloron ĉe iu banko de sia loko por la konto de „Oesterreichische Credit-Anstalt, Wien I. Renngasse" kun la ordono, ke oni pagu al la Muzeo la koncernan sumon en aŭstriaj ŝilingoj.

477. Lachowitzky P., arkitekto, del. de UEA, Jerusalem; 478. Kurt Hubrich, Leipzig; 479. Brenken Ewald, ĉefinstr., Bochum.

**Ricevitaj sendaĵoj:**

231. vidvino d-ro Sós, Wien; 232. D. Viktorov-Ĉeĥoviĉ, Kiev; 233. Verlag Menschheitspartei, Hamburg; 234. Heroldo de E, Köln (N. „Heroldo-Jugendwörterbuch E-D", „Heroldo-Taschen-Wörterbuch, E-D, D-E kaj Suchbüchlein"; „Jung u. Wingen, Das leichte Esperanto m. Schlüssel"; „Herceg, Pangea"); 235. dir. R. Kreuz, Genève; 236. V. Wekerle, Paris (N: Veki, „Perfektiga E-Kurso"); 237. Laborista E-Asocio, Berlin (N:LEA-Vortaro); 238. E-Rondo de Hungaraj Skoltoj, Budapest; 239. Ĉeĥoslovaka Asocio Esp., Praha (N: 1. gvidlibro tra Ĉeĥosl. fervojoj); 240. Florov, Rostov-Don; 241. E-Asocio de Estonio, Tallinn (N: Estona Antologio I.); 242. Danzig-a E-Asocio, Danzig; 243. J. Marchand, Issy-Seine; 244. UEA-Genève (N: „La Servaro"); 245. Belisma Koopera Kulturejo, Katurajama, Jap.; 246. Falta, Wien; 247. Reg. kons. Stocker, Wien; 248. Ragno Rian, Trondheim, Norv. (N: Rian, „Norsk E Ordbok"). — El 1933. 1. A. D. Nemseĉi, Tauris, Persujo; 2. Rotary-Club, Dresden; 3. P. Balkányi, Budapest (La plej malnova komerca propagandilo hungara, antaŭmilita; afiŝo de programo pri prezentado en Budapesta popoldomo 1918 post la oktobra revolucio; historiaj stampoj: E ĉe registaro; okaze de la komunista registaro estis E-fako en la Komerca Ministerio); 4. Brita E-Asocio, London (N: The E-Diary 1933); 5. A.Bayhofer, Salzburg (El la postlasaĵo de Adolf Macho, inter ĝi manuskripto de vortaro pri bestnomoj, nepresita); 6. W. Krzysztofowicz, Bydgoszcz; 7. Tal. Indra, Riga (N: Indra, „Latva E-vortaro"); 8. Ido-Soc. „Progreso", Wien (Nötzli „Lehrbuch" 1908); 9. P. Lachowitzky, ark., Jerusalem, Palestino; 10. G. J. Degenkamp, Utrecht; 11. O. Sklečka, Hradec Králové; 12. Zyunsin-Sya, Tvkio, (N: Okamoto-Rikiĉi, „Teorio de socia vivo"); 13. N. H. Emck, Ridderkerk, Ned.; 14. Y. Friedrich, Košice; 15. R. Bloch, Praha; 16. d-ro Stan. Kamaryt, prez. de ĈEA, Bratislava (Bolak en ĉeĥa lingvo, k. a.).

---

## Universala Federacio Esperantista (UFE), Genève.

**Aliĝis** krom la jam en la lasta numero menciitaj asocioj:

**Litova E-Asocio**
**Brazila Esperanto-Ligo**
**Japana Esperanto Instituto**

---

## Klarigoj pri la novorganizo de la esperantista movado.

**Rollet de l'Isle**, Dumviva membro de UEA kaj membro de ICK, dissendas sub la menciita titolo cirkuleron, per kiu tiu eminentulo klarigas, ke per kelkaj ŝanĝoj — certe gravaj, sed ne fundamentaj — en siaj aranĝoj, UEA povas fariĝi UFE.

Rollet citas jenan leteron, kiun li ricevis antaŭ 1 jaro de s-ro Stettler, nuna prez. de UEA: „ UEA ne ekzistas por si mem, sed por la movado. Ĝi ŝatas siajn aranĝojn, ĉar ĝi kredas ilin utilajn por la celo, do por la movado. Sekve se oni pruvos, ke aliaj aranĝoj, aŭ tute nova organizaĵo, taŭgos pli bone, tiam ĝi volonte alportos tiujn aranĝojn sur la altaron de komuna bono. Tion mi konsideros ne ofero, sed simpla saĝo."

Mi tamen ĉiam opinias, ke fine UFE kaj UEA renkontiĝos sur la ĝusta vojo! Steiner

### Telefono kaj Esperanto.

La urba telefondirekcio en Haag, Nederlando, fiksis en 1931 grandajn emajlajn tabulojn ĉe la publikaj aŭtomataj telefonstacioj. Sur la tabuloj la instrukcioj estas legeblaj en nederlanda, franca, germana, angla kaj Esperanto-lingvoj.

Jen la Esperanto-teksto:

1. Metu nedefektitan moneron de 10 cendoj en la tendon,
2. Deprenu la mikrotelefonon de la hoko kaj atendu ĝis kiam vi aŭdos la zumtonon.
3. Elektu la deziratan numeron.
4. a) Se la elektita numero ne respondas: enpuŝu kaj reliberigu la butonon. **Nun la** interparolado povas komenciĝi.

4. b) Se la elektita numero estas okupita aŭ ne respondas: rependigu la mikrofonon, ne tuŝante la butonon. La numero tiam estas rericevata.

5. Dum la interparolado ne tuŝu la hokon, nek la diskon.
6. Rependigu la mikrofontelefonon post la fino de la interparolado.

(„La Praktiko"-Haag)

---

**Internacia renkontiĝo** de mezeŭropaj laboristaj esperantistoj okazos en Wien **la 3.—6.** de junio. Informojn donas ALLE, Wien XXI. Angererstr. 14.




**Adreso:** Trajanstr. 25.
**Kotizo:** La favorkotizo de Rm 18.— validas nur ĝis 31. III.; post tiu tempo la kotizo estos Rm 20.—.
**Valoran kongresmemoraĵon** ricevos kiuj pagis sian kotizon ĝis fino de marto.
**Aliĝis** ĝis nun 354 personoj el 26 landoj.
**Fakaj kunvenoj** krom la jam menciitaj:
**Bahaanoj:** D-ro H. Grossmann, Friedrich Voglerstr. 26, Weinheim, Baden;
**Framasonoj:** Carl Barthel, Wöhlerstr. 14, Frankfurt a. M.
**Festa iluminado** dum la kongreso. Urbo Köln ĵus promesis feste iluminadi la katedralon, pontojn kaj Rhein-bordojn, okazaĵo kutima nur ĉe gravaj festoj.
**Pasporto:** Ĉiu vojaĝanto aŭstria devas havi pasporton, sed ne bezonas vizon por vojaĝi al Germanlando.
**Specialaj kontoj** por kongresanoj: Car grandaj monsumoj ne estas forsendeblaj el diversaj landoj, LKK aranĝos al la kongresanoj specialajn kontojn, al kiuj oni iom post iom povas pagi iujn sumojn. La senditaj sumoj estos repagataj al la kongresanoj post ilia alveno en Köln. — Aŭstrianoj plej bone enpagu ĉe Oesterr. Credit-Anstalt Wien I. Renngasse (permesate estas sendi po 50 S, sed oni povas sendi ĉiutage ĉi tiun sumon) al „Dresdner Bank, Depositenkasse Chlodwigplatz, Köln" por LKK. Ankaŭ mi prizorgos la aferon.
Pri malmultekostaj loĝejoj en Köln LKK klopodas. Detaloj sekvos.
Al informpetoj nepre aldonu respondafr. Baldaŭ aliĝu! Informu nin pri ĝi! Steiner

**Intern. Alcentra Flugaro al Köln.**

Nia s-ano Fr. Elersiek, Berlin SW 61, Wilms-Str. 5 arangas la eblon de flugado de ĉiuj Eŭropaj flughavenoj al Köln je rabatita prezo kune kun 7-taga restado en Köln dum la kongreso.
Informojn kontraŭ resp. kupono.

## Aŭstria karavano.

La karavano forvojaĝos la **26. de julio** de Wien kaj revenos la **7.** de aŭgusto. Pri detaloj de la vojaĝo legu afable n-ron 2 de nia gazeto aŭ petu informojn aldonante respondafrankon.
La prezo por la tuta veturado per aŭtobuso estas **S 85.—** al Köln kaj reen al Wien, anstataŭ 185.— per fervojo.
Jam venis el la dumvojaj urboj respondleteroj, per kiuj la grupoj anoncis, ke ili **helpos la aranĝon.**
En Frankfurt ni jam havas rabatitajn prezojn: Bona hotelo meze en la urbo kun abunda matenmanĝo kaj trinkmono Rm 3.— (anstataŭ 4.—), tagmanĝo kaj vespermanĝo po 60—80 pf.; vizito de Goethe-domo 0.50 (anst. 1.—), Pauls-preĝejo 0.10 (anst. 0.30), Römer 0.35 (anst. 0.75); Nürnberg: duonaj enirprezoj; Heidelberg: senpaga vizito de la kastelo ktp.
Mi kalkulas sen vespermanĝo (havebla jam por 60 pf.) plejmulte Rm 5.— (noktigo, maten- kaj tagmanĝo).
Detaloj sekvos. La tuta vojaĝo 13-taga sen kongreskotizo kostos ne pli multe ol 300 S. Pli aliaj aranĝoj ni ankoraŭ raportos.
Aliĝu ĝustatempe, tio estas **kiel eble plej baldaŭ** por ke vi povu ĝui la avantaĝojn de tia belega vojaĝo tiel malmultekosta
Steiner, I. Neue Burg, Tel. R-27-803

**El „Bulteno de Intern. Scienca Asocio Esperantista".**

P. Balkanyi kompilis E-parton de „vortaro por skoltoj", publikigita en germana, franca, hungara, angla lingvoj kaj Esp.
S-ro Rosner skribas: Kun granda plezuro mi povas raporti, ke finfine la traduko de la „Kvina volumo de la ses-lingva teknika vortaro de Schlomann" (Fervoja Fako) jam kompletiĝis. Nun restas la afero, eldoni ĝin.
S-ro Paul Neergaard: Mi faris ‚Terminaron hortikulan', enhavantan sume 1200 esprimojn en angla, franca, dana kaj E-lingvoj kun difinoj en Esp. — Mi ne trovis eldoniston." Adreso: Kastelsvej 21, Kopenhagen, Danujo.
SAT intencas publikigi: Paul Neergaard, „Fremdvortoj en Esp.", se 300 ekzempleroj estas antaŭmenditaj. Mendojn al: Dates Bogtrykkeri, Gl. Kongevej 13, Kopenhagen.
En n-ro 11 de „Lingva Kritiko" estas publikigita komenco de „Abelkultura terminaro" de Karlo Gerber (Limbach, poŝto Burgau, Germanujo). La terminoj estas plejofte sekvataj de klarigo en Esp.

## Tre estimataj legantoj!

Ni reiris al nia iama eldonformato. Kvankam la abonantaro ne sufiĉas por eldoni la gazeton, mi malaltigis komence de 1933 la abonprezon kaj de nun eldonos la gazeton po 8 paĝoj je la nova prezo. En la eldono per skribmaŝinmultobligo estis en 12 paĝoj 43.008 literoj kaj interspacoj; sur la 8 paĝoj estas 45 408. Vi do profitos nun 2400 literojn.
Mi petas, ke vi pro propaganda celo instigu restoraciojn, kafejojn ktp. al abono de AE je malaltigita prezo de S 2.90 pojare; event. la grupoj mem pagu tiujn abonojn, por ke en kiel eble plej multaj lokoj estu legeble pri E. — Se ĉiuj grupoj instigas sian membrojn la abono tiel, ke mi ricevos almenaŭ 300 novajn abonantojn, mi povus je sama grando malaltigi la prezon ĝis event. S 2.90 pojare. Do estas al vi mem, malmultekostigi vian gazeton pro via bono kaj tiu de la **movado.** **Steiner**

# Papriko.

Mallonga skizo pri nova filmo, verkita kaj prelegita de Felicitas Basler en Esperanto-Klub kaj Esp.-Societo „Danubio", en Wien.

D-ro Max Schrötter en la momento de adiaŭo de sia edzino sub preteksto de negocvojaĝo ricevas telegramon, per kiu Ilona anoncas sian alvenon. Havante ne absolute senmakulan konsciencon, li tuj ĵuras al sia edzino, ke li entute ne konas „iun" Ilona-on. Otti, lia edzino, prenas la telegramon kaj diras, ke Ilona estas ŝia amikino el Budapest.

Ilona alvenas; varmega bonvenigo. Otti demandas, kial Ilona nur nun venis, kvankam Otti estas edziniĝinta[1] jam tri jarojn kaj Ilona respondas, ke ŝi enamiĝis[2] en la edzon de Otti antaŭ la edziĝo[3] dum maskobalo. Entuziasme ŝi priskribas la scenon de kisdonado, dirante: „Liaj kisoj estis tiom dolĉaj kaj ŝtormaj. Neniam dum mia vivo mi forgesos ĉi tiujn!" Otti ĵaluziĝas[4] kaj Ilona, vidante sian amikinon preskaŭ furioziĝanta pro ĵaluzo[5], trankviligas[6] ŝin dirante, ke la bonege kisinto[7] ne estis la edzo de Otti, sed nur prezentis sin sub lia nomo.

Ilona nepre deziras serĉi tiun doktoron Schrötter, kiun ŝi amas kun la fajra pasio de hungarino. Prenante la telefonadresaron[8] ŝi faligas bildon de la skribtablo[9] kaj en ĝi ŝi rekonas sian amaton[10]. Al Otti ŝi diras: „En la telefonlibro mi ne trovis lin, sed sur la skribtablo". Otti nun informas ŝin, ke tiu sinjoro estas ŝia bofrato d-ro Paul Schrötter, kaj samtempe esprimas sian miron, ke Paul, kiu nur havas intereson por ranoj, estu kisinta[11] Ilona-on tiel ŝtorma. Ilona respondas friponete ridetante[12]: „Mi ĵuras — manon sur la koron — mi estis, kiu kisis lin!"

Ilona deziras veni en kontakton kun Paul. Ilona ŝin informas, ke Paul estas originalo, kiu nur havas intereson pri ranoj, pri kies deveno li faras grandajn studojn; krome li ankaŭ nur permesas eniron en sian fraŭlan loĝejon[13] al la ĉambristino de Otti kaj al sia negoca servisto Franz[14]. La amikinoj nun interkonsentas, ke Ilona anstataŭu la forpermesitan ĉambristinon. Ilona venas en la loĝejon de Paul, prezentas sin en sia nova rolo kaj tuj gajnas lian simpation kaj koron, montrante egan[15] intereson por la „amindaj, ĉarmetaj bestetoj, la ranoj". Je lia mirigita rimarko, ke vere malofte homoj montras tian intereson pri liaj laboroj, Ilona respondas, ke ŝi ne povas kompreni tion.

Max veninte hejmen de sia laŭdira[16] negocvojaĝo renkontas Ilona en la loĝejo de sia frato kaj tuj emas ekflirti kaj komenci amoludon kun ŝi. Aŭdinta disputon inter la du fratoj, ĉar Max ne volis donis al Paul 300 markojn, bezonataj de li por liaj studoj, Ilona akceptas la inviton de Max por vespera ekskurso dirante, ke ŝi bezonas 300 markojn por aĉeti robon, ĉapelon, ŝuetojn kaj la „aliajn gravajn aĵetojn[17]", kiujn ino bezonas kiam ŝi deziras foriri pro amuzo. Post ricevo de la sumo ŝi iras al Paul kaj diris al li, ke ŝi, dezirante helpi lin, per ruzo estis ricevinta la monon sub la kondiĉo, amuzi ĉi tiun vesperon kun lia frato.

Paul konas la emon de sia frato, fari kelkfoje flanken-saltojn, deziras savi la edzecfeliĉon[18] de Otti kaj petas, esti anstataŭ sia frato ŝia akompananto dum la vespera ekskurso. Ilona, celinte tion, akceptas kun plezuro kaj diras al si: „Ho, vi kara stultulo!".

Ilona informas Otti, ke ŝia edzo atendos ŝin en amuzejo Kuckuck kaj ke ŝi mem iros tien kun Paul. Otti plena de admiro demandas Ilona: „Kiamaniere vi faris tion?" kaj tiu respondas feliĉe kaj gaje: „Vidu, Otiko, tio estas Papriko!". Otti kapskue respondas, ke tiu devas esti stranga planto.

Vere tiu „papriko", kiun Ilona aludas, ne estas la planto, kiu kreskas en la patrujo de Ilona, sed ĝi karakterizu la temperamenton de Ilona de Takacs, la bela filino de bienposedanto el Hungarujo.

Max vespere koleriĝas[19], kiam li vidas la ŝanĝitan programon kaj forlasas kun sia edzino la amuzejon, dume Ilona restas kun Paul kaj laŭ „Papriko"-humoro travivas neforgeseble belan vesperon.

Je la adiaŭo antaŭ la pordo de la loĝejo de Otti diras Ilona — trompante Paul, — ke ŝi forgesis la loĝejŝlosilon kaj nun ne scias, kion fari. Paul estas malspertulo en tiaj aferoj — li ja la tutan tempon nur okupiĝas pri ranoj, — sed Ilona, tion sciante, komencas la ofensivon: „Vi estas en bona situacio; vi ja ne forgesis vian ŝlosilon kaj vi tial ankaŭ ne estas devigata[20] dormi sur la malvarma ŝtuparo kiel mi." Dume ŝi antaŭ li supreniras en la duan etaĝon al lia loĝejo. „Estas neeble", ŝi daŭrigas[21], „estas neeble, ke mi dormu en via loĝejo". (Li ne estis dirinta eĉ unu vorton, nesciante kion fari aŭ diri.) „Kion diros la homoj? Tio entute ne estas ebla" kaj . . . en tiu momento ŝi eniras antaŭ li lian loĝejon. (Papriko!).

Nun li pretigas[22] por ŝi liton sur la sofo en sia laborĉambro, deziras bonan nokton kaj eniras sian dormoĉambron, — ago, kiun ŝi tute ne estis celinta! Ankaŭ el ĉi tiu situacio ŝi scias elvojon. Helpokrioj venigas lin el sia dormĉambro kaj je lia timigita[23] demando, kio estas okazinta, ŝi respondas, ke ŝi konsideras nepardoneble, ke li lasis ŝin sola kun ĉi tiuj sovaĝaj bestoj. Mirigite Paul demandas, pri kiuj sovaĝaj bestoj ŝi parolas kaj Ilona respondas: „La ranoj. Kiel facile povus okazi, ke unu saltus sur min!"

Paul memorigas ŝin[24] pri ŝia matena rimarko, „ke la ranoj do estas ĉarmaj ktp.", sed Ilona scias elturni sin el la afero: „Jes, dumtage ili estas ĉarmaj, sed nokte ili timigas min." Paul deziras ŝin konsoli karesante ŝian vangon sed Ilona elvokas: „Mi ne permesas, ke vi kisas min!" Li asertas, ke li certe ne pensis pri tio, kaj lakone Ilona respondas: „Tio ja estas via aroganteco".

Fine li nun komprenas kaj en tiu momento la sonorilo fortege eksonas. Venas servisto Franz, per kio la situacio ankoraŭ pli komplikiĝas[25]. Franz, iama profesia iluziisto en cirko, forlasis antaŭ 15 jaroj siajn edzinon kaj filineton kaj ne vidis ilin de tiu tempo. Li scias, ke ili vivas en Berlin, sed ne kuraĝis ĝis nun ilin renkonti.

Pro stranga sekvo de cirkonstancoj Franz pensas, ke Ilona estas lia filino, kaj ekscitite atentigas[26] d-ron Paul, ke li certe scios, kio estos nun lia devo. Sed Paul en sia naiveco ne komprenas la aludojn de Franz pri edziĝo, civila registrejo ktp. kaj fine diras al Ilona: „Fraŭlino, diru do, ĉu mi sukcese ten is vin?". Ilona multe amuzas pri la tuta afero kaj kun infaneca rigardo diras: „Mi tion ne scias!" kaj forkuras en la loĝejon de Otti.

Paul nun rakontas la tutan aferon al Franz, ne rimarkante sian ekenamiĝon[27] je Ilona, kaj fine petas ŝian manon de la patro. Kun ĝojo Franz vizitas sian edzinon, por sciigi ŝin pri la granda feliĉo de ilia filino kaj repaciĝi[28] kun sia edzino

Dume Paul iras al Otti, por vidi Ilona, al kiu li proponas sian manon, kiun ŝi rifuzas opiniante, ke Paul ne amas ŝin mem sed nur la filinon de la riĉa bienposedanto. Sed aŭdante, ke Paul jam petis Franz pro ŝia mano, pensante, ke Ilona estas lia filino, ŝi nun scias, ke Paul ŝin vere amas, kaj konsentas.

Franz hejme renkontas sian filinon kaj nun scias, ke Ilona ne estas lia filino. Li revenas por klarigi la aferon Max ne volas permesi la kuniĝon[29] kun la ĉambristino Ilona. Otti klarigas, ke Ilona estas ŝia amikino kaj je lia demando pri la kaŭzo de la roloŝanĝo Ilona respondis: „Mi vetis kun Otti, ke neniu edzo restos fidela al sia edzino, kiam bela, juna ĉambristino venas en la hejmon, kaj . . . " — je helpserĉanta rigardo de Max ŝi daŭrigas „kaj mi perdis mian veton."

Max kisas ŝian manon dankeme kaj Ilona mallaute diras: „Ho, vi senkulpŝajna friponeto." Laŭte ŝi diras: „En ĉio nur kulpas Papriko en mia sango kaj Papriko estas bona!"

[1] edz-in-iĝ-int-a verheiratet (von einer Frau); [2] en-am-iĝ-is verliebt hat in; [3] edz-iĝ-o Verheiratung (von einem Manne); [4] jaluz-iĝ-as wird eifersüchtig; [5] furioz-iĝ-ant-a pro jaluzo wütend werdend aus Eifersucht; [6] trankvil-ig-as beruhigt; [7] kis-int-o Küsser (früher); [8] adres-ar-on Adreßbuch; [9] fal-ig-as de herabwirft; [10] am-at-on Geliebten; [11] est-u kis-int-a solle geküßt haben; [12] firpon-et-e rid-et-ant-a spitzbübisch lächelnd; [13] fraŭl-an loĝ-ej-on Junggesellenheim; [14] neg-oc-a serv-ist-o Geschäftsdiener; [15] eg-an außerordentliches; [16] laŭ-dir-a sogenannten; [17] aliajn gravajn aĵ-et-ojn andere wichtige Sächelchen; [18] edz-ec-feliĉ-on Eheglück; [19] koler-iĝ-as wird zornig; [20] estas dev-ig-at-a ist gezwungen; [21] daŭr-ig-as setzt fort; [22] pret-ig-as bereitet; [23] tim-ig-it-a erschreckte; [24] memor-ig-as ŝin erinnert sie; [25] kom-plik-iĝ-as verwickelt sich; [26] atent-ig-as aufmerksam machen; [27] ek-en-am-iĝ-on Sichverlieben; [28] re-pac-iĝ-i wieder Frieden schließen; [29] kun-iĝ-on Vereinigung.

---

## Aŭstria Esperanto-Asocio
Linz, Weissenwolfstr. 31

**Braunau.** En januaro oni perforte forŝiris nian ekspozan vitrinon kun esperantaĵoj de ĝia ĝisnuna pendloko. Verŝajne tion faris politikaj fanatikuloj, kiuj malŝatas E-on nesciante kial. Ni penados ĝin pendigi en alia, eĉ pli konvena loko. Haselbauer

### Viena Esperanto-Unio.

**La** 20. febr. okazis la fondkunveno laŭ propono de Viena Laborkomitato Esp. Celo: Per unuigita laboro de kiel eble ĉiuj Wienaj esperantistoj plivastigi nian lingvon. Religiaj, naciaj aŭ politikaj diferencoj ne estu kaŭzoj de komuna agado por nia celo.

Membroj povas esti ĉiuj esperantistoj, ĉu ili estas anoj de grupo aŭ ne, kaj amikoj de E, kiuj akceptas la novajn statutojn, deziras labori por E kaj pagos minimume 4 S po jaro. Patronoj pagos unufoje 120 S.

Kiel prezidanton oni elektis dir. Rudolf Kaftan. La aliaj membroj de la estraro estas dir. Menacher, magistro Taussig, R. Ĉech, Nikolao Hovorka, O. Zimmermann, E. Werner, A. Denks kaj H. Walaschek.

Estro de la senato estas Hofrat d-ro Wilhelm Heeber, vicestro Hofrat Karl Klečka, sekr. inĝ. Sinek.

La gesamideanoj, kiuj anoncis sin kiel membroj, ricevos post pago de la kotizo sian membrokarton. Prez. Kaftan

**Wien. Katolika Unuiĝo E** aranĝas sian ĉefkunvenon la 19. marto je la 16 h — je la 15 h 30 Sankta Beno — VI. Gumpendorferstr. 39.

**Wien. Oficlıavantoj**, IV. Schäffergasse 3, okazigis „Kroata E-Vespero"-n la 10. marto. Granda, ege interesa programo. Bonega vizito.

**Wien. E-Soc. „Progreso".** Nova adreso: VIII. Alserstr. 55/9. En la ĉijara ĝeneralkunveno, 1. febr., estis reelektitaj; Prez. Bernh. Selzer, sekr. Dezsö Jorysch, kas. Klara Chabiesovszky.

## Esperanto-Klub Wien.

La **23 febr.** okazis simpla kunveno, nedeviga, dum kiu prelegis f-ino Basler pri „Papriko", s-ano Kraus pri „Travivaĵoj en Praha" kaj reg. kons. Stengel „Libertempa vojaĝo" (tre instruiga!). Regis bona humoro kaj en bela harmonio la tempo forflugis. Je la 23 h oni disiris.

**La 9 marto** estis lumbildparolado de profesoro en Teknika Altlernejo **Baurat Siegfried Theiss** pri „Turdomego en Wien" en germana lingvo. La enkondukajn vortojn parolis **inĝ. Hugo Steiner** en Esp. kaj germane, menciante la necesecon de Esp. por la sciencistoj kaj la artistoj, nome pentristoj, skulptistoj, inĝenieroj, arkitektoj ktp.

Prof. Theiss, kiu faris la planojn kun la ĉeestinta iama sekcia ĉefo Baurat Jaksch, en bonega, humorplena maniero faris sian paroladon, montris belegajn bildojn, komencante kun la turo de Babel (aludante Esperanton) kaj donis tre intereresajn klarigojn pri la detaloj de la turdomo. 120 ĉeestantoj dankis per preskaŭ senfina aplaŭdo al la parolinto.

La **23. marto** simpla, nedeviga kunveno. Parolos s-ino Pötzl, episkopa moŝto Tüchler kaj instruisto Provinn. S-anoj dezirante partopreni sin anoncu al IEMW (Tel. R 27803). Komenco precize 20 h, „Goldener Saal", Kafejo Siller, I. Schwedenplatz.

### Sentencoj.

Se vi skribas malbone en via propra lingvo, havu la bonecon skribi nur en ĝi, ĉar en Esperanto oni skribas sufiĉe malbone sen via helpo.

Nur talento, komprenado, imago, fantazio, klareco kaj bongus o — kaj vi ĉion tre bone kaj bele esprimos en Esperanto. Oni bezonas nenion pli . . .

Internacieco ne estas neigo de nacieco; internacieco ne pretendas forigi la malbonajn ecojn de la nacioj; ĝi volas nur transdoni la bonajn ecojn de unu nacio al la aliaj.

Krei lingvon, en kiu oni povas esprimi nenian malsaĝon, kaj devigi ĉiun kontraŭulon de lingvo internacia paroli en tiu ĉi lingvo — jen, ŝajne estas la sola rimedo fari amikon de lingvo internacia el ĉiu ĝia malamiko. Se vi ne konsentas, serĉu alian rimedon . . .

(El „Lingvo Internacia", aprilo 1896)

---

S-anino posedas en **Payerbach** grandan vilaon kun 30 litoj. Ŝi speciale deziras gastigi s-anojn. La prezoj: Ekz. 3 s-inoj loĝas kune kaj pagos po nokto po S 1.50; matenmanĝo po 40 gr., vespermanĝo po 80 gr. Bona ekskursebleco al Rax, Kaiserbrunn, Schneeberg, Semmering. Turnu vin al Marie Zenz, Payerbach, Baurat Schneiderg. 10.

### En la drogejo.

„Mi deziras iom da arseniko."
„Kiom?"
„Por du personoj."

(La Esperanta Gazeto)

## Rimarkindaj presaĵoj

**E-Verlag Fried. Ellersiek, Berlin.**

**„Ausführliche Sprachlehre des Esperanto"** von Prof. Dr. Göhl.

La libro volas servi al progresintoj, kiuj tradukas el la germana lingvo aŭ verkas originalaĵojn. Ĝi certe estas bonega kompletigo de Loy (Mehrsinnige Wörter) aŭ de iu el niaj gravaj vortaroj (Bennemann, Christaller) akcentanta precipe la gramatikan vidpunkton. Plej ĝisfunde ĝi pritraktas la vortfaradon kaj la prepoziciojn. Priparolante la vortformojn la aŭtoro ĉiam aldonas la koncernajn sintaksajn ĉapitrojn. Kelkfoje (ekz. sur pĝ. 126) iu grava rimarko estas sub la teksto. Oni eble plej vigle diskutos la ĉapitron pri vortfarado. Ĉu oni ekz. uzu esprimojn kiel „nepr", „supri"? „Estri" ne estas „meistern" sed „leiten". Pli bona ol „fiinsektaro", kiu ja ne estas kontraŭmorala, estus la esprimo „insektaĉaro". „Virinaĉo" estas eble „Weibsbild" sed ne „Frauenzimmer". Anstataŭ „arbetaĵo" sufĉas „arbeto". „Nuneco" nur estas „Gegenwart", ne „Aktualität"; „manĝegi" estas „viel essen" sed ne „unmanierlich essen". Citante la Zamenhofan esprimon „nepovebligi" oni aldonu, ke la kunmetaĵoj kun -ebl kutime havas pasivan sencon. Kial oni traduku „Krankeuwärter" per „malsanulejisto"? Oni ne „plenumas" sed „sukcese faras" ekzamenon. Ne skribu" simplabeleco" kiel unu vorton, por ke oni ne derivu ĝin de „abelo". La mallongigo lern- kaj sciema memorigas al mi nian „Wachszieher- und Lebzelterei". Por „Ar'", „Aera'" oni prefere uzu „areo", „erao". La tradukoj „sich fortbefindlich", „esperantistisch" estas lingve malkorektaj.

En la dua parto priparolanta la vortkategoriojn mi trovis la jenon plibonigebla: § 97 „anekso al Egiptujo" ne estas „Annexion Aegyptens" (kp. „La anekso de Bosnio al Aŭstrujo en 1908), § 103, III C „zweite, dritte", ne „erste, zweite" Steigerungsstufe (grado), § 207 „Sur la ĉielo staras steloj" estas germanismo (pli bone vidiĝas), § 210 oni ne loĝas „auf der Berliner Straße", sed „in". § 229 ne „malkare" sed „malmultekoste", § 262 „kredi" ne estas „halten für", § 291 „procesi kun" oni ne traduku per „sich klagen mit" sed per „Klage führen gegen", § 326 anst. „post ol" oni uzu „post kiam", § 330 interjekcion „aŭ" oni pro ebla miskompreno ĉiam anstataŭu per „aj". Kelkfoje oni ne aldonis post esprimo la mallongigon Z(amenhofo) ekz. post „ŝakale". La konsilon, ke perfektiĝemulo legu multon, oni aprobus, sed bedaŭrus la mankon de listo da legaĵoj.

Precipe mi ŝatis la liston de germanaj prepozicioj kaj helpverboj kun la koncernaj tradukeblecoj, krome la paragrafojn 4, 79, 95-1, 108 A 2, 126 (uzo de refleksiva pronomo), 139, 161, 218 (po), 240 f Anm., 263 B 2, 269-1/3, 271, 283/4 (tian gravaĵon oni ne presigu en „petit"), 292-3, 301-2, 304, 18 Anm., 325 Anm. 2, 337-3. Kiel oni vidas, la subdividoj en la verko estas tro multe uzataj kaj kelkfoje malhelpas la klaran supervideblecon. Sed malgraŭ ĉio — mi ne konas germanan Esperanto-gramatikon samkompletan. Nur pri E-etimologio — la ĉapitro favorata de mi — ĝi tute silentas. Mi rekomendas la libron al ĉiuj grupoj kaj izoluloj, kiuj deziras serioze pritrakti lingvajn demandojn. D-ro W. Biehler, Graz

**Tagblatt-Bibliothek, Wien.**

**„Wörterbuch Deutsch - Esp."**, 184 pg., prezo S 2.—; 4. kompletigita eld. (14.-16. miloj) kaj **„Wörterbuch Esp.-Deutsch"**, 48 pĝ., prezo 50 gr.; 5. kompl. eld. (19.-21. miloj) de d-ro Pfeffer jus aperis. La ĉiamaj novaj eldonoj montras la ŝaton, kiun ĝuas ĉi tiuj bonaj kaj agrable amuzeblaj vortaroj. St.

**Juna Batalanto, Köln-Delbrück.**

**Kunlaboro.** Simbola ludo pri Paco kaj Esperanto, Vivrenovigo kaj Junularo de Walter Mudrak, 4 pĝ., prezo 15 gr.

Modesta scena ludo en versoj, kiu simbolas laŭ la subtitolo Pacon ktp. Sukcese prezentata estis la ludo dum la ĝeneralkunveno lastjara de Katolika Unuiĝo Esp. en Wien.

**Sennacieca Asocio Tutmonda, Paris.**

**„La liberecana socio"** de Georges Bastien, el la franca lingvo tradukis Alb. Ozre. 54 pĝ., 1932. 11×7 cm, prezo Rm. 0.60.

**Enigmo.**

| ENICO TIFFENIT |
|---|
| OSLO |

**Solvo de la enigmo** el n-ro 2: Pano, azoto, gazeto, uverturo, vero, imposto, alineo, njo, albumo; „Pagu vian abonprezon".

**Korespondo**

**Manĉurio.** S-ro Yiti J. Yu; Bih Lien Lee, Chiow wei Loc, International Concession, **Mukden.**

**Algier.** Kaporalo Windisch, 1-er Etranger, **Ain El Hadjar,** Afriko.

**Turkujo.** Prof. Mehmet Hulusi, **Aidin,** deziras grajnojn de floroj kaj fruktoj. Rekompence sendas poŝtmarkojn.

**Finnlando.** G. Tschernochvostoff, Idrottsgatan 22, A. 10, **Helsingfors,** interŝanĝas poŝtmarkojn.

**Kunvenoj de esperantistoj.**
**Zusammenkünfte der Esperantisten.**

**Baden:** N. Pronay, Bahngasse 2.
**Braunau** a. I.; Haselbauer, Linzerstr. 7/II.

**Graz.**

E-Verein für Steiermark, Schönaugasse 6/II, Heim: Bürgergasse 4, Fr (v) 20-23 h.
E-Verein „Em. Peltier", Sackstr. 16/II, Mo (l) 20 h.
**Innsbruck:** Hotel Grüner Baum, Museumstr. 35, Do (j), 20 h.
**Linz:** Gasthaus Stadtgut, Volksgartenstraße.

**Salzburg:**

E-Grupo: Gastejo Schwarzes Rössel, Berggasse, Mi (mk) 20 h.
E-Grupo „Estonteco", prez. Kapsa, Dreifaltigkeitsgasse 14.
**Sigmundsherberg:** Schule, Fr (v) 20 h.
**Steyr:** Schlüsselhofstr., Fr. (v.), 20 h.

**Wien.**

D-ro Sos-Grupo, I., kafejo Kolowratring, Schubertring 2 Fr. (v.) 19 h.
Esp.-societo „Fideleco", Café Zoglmann, XVIII., Staudgasse 1, Di (m), 16-19 h.
Koloman Kalocsay-Grupo ĉe s-ro Hovorka, IX. Löblichgasse 3, Mi (mk) 19 h.
Libera E-Rondo „Verda Angulo", kafejo Hrdy, XVI. Ottakringerstr. 119: Mi (mk) 20-22 h.
E-Rondo „Kolonelo Zwach" ĉe Stafa, VII. Mariahilferstr. 120. Di (m), 16-18 h.
Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Freyung 6 (Schottenpfarrkanzlei) Mi (mk) 18—20 h.



Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.